## PERMESILO

Ĉi tiu libro estas traduko de la originala verko, *Album Wayang Kulit Banjar* (2002) verkita de Mujiyat kaj Koko Sondari por Projekto de Kultura Uzado sub la Direktejo de Tradicioj kaj Religiaj Kredoj, Deputitaro de Kulturaj Konservado kaj Disvolvigo, Kultura kaj Turisma Ministro.

La originala verko estas en la Publika Havaĵo (*Domain Publik*) en Indonezio ĉar ĝi estis publikigita kaj/aŭ distribuita de la Registaro de Respubliko de Indonezio laŭ Artikolo 43 de Leĝo N-ro 28 de la Jaro 2014 pri Aŭtorrajto (*Pasal 43 Undang-undang Nomor 28 Tahun 2014 tentang Hak Cipta*).

*"Perbuatan yang tidak dianggap sebagai pelanggaran Hak Cipta meliputi:*

*a. Pengumuman, Pendistribusian, Komunikasi, dan/atau Penggandaan lambang negara dan lagu kebangsaan menurut sifatnya yang asli;*

*b. Pengumuman, Pendistribusian, Komunikasi, dan/atau Penggandaan segala sesuatu yang dilaksanakan oleh atau atas nama pemerintah, kecuali dinyatakan dilindungi oleh peraturan perundang-undangan, pernyataan pada Ciptaan tersebut, atau ketika terhadap Ciptaan tersebut dilakukan Pengumuman, Pendistribusian, Komunikasi, dan/atau Penggandaan;*

c. *pengambilan berita aktual, baik seluruhnya maupun sebagian dari kantor berita, Lembaga Penyiaran, dan surat kabar atau sumber sejenis lainnya dengan ketentuan sumbernya harus disebutkan secara lengkap; atau*
d. *pembuatan dan penyebarluasan konten Hak Cipta melalui media teknologi informasi dan komunikasi yang bersifat tidak komersial dan/atau menguntungkan Pencipta atau pihak terkait, atau Pencipta tersebut menyatakan tidak keberatan atas pembuatan dan penyebarluasan tersebut.*
e. *Penggandaan, Pengumuman, dan/atau Pendistribusian Potret Presiden, Wakil Presiden, mantan Presiden, mantan Wakil Presiden, Pahlawan Nasional, pimpinan lembaga negara, pimpinan kementerian/lembaga pemerintah non kementerian, dan/atau kepala daerah dengan memperhatikan martabat dan kewajaran sesuai dengan ketentuan peraturan perundang-undangan.*"

'Agoj kiuj ne estas konsiderataj kiel aŭtorrajtaj malobservoj inkluzivas:

a. Publikigo, Distribuado, Komunikado kaj/aŭ Reproduktado de Ŝtataj emblemoj kaj nacia himno konforme al ilia origina naturo;
b. Ajna Publikigo, Distribuo, Komunikado, kaj/aŭ Reproduktado efektivigita de aŭ nome de la registaro, krom se deklarite esti protektita de leĝoj kaj regularoj, deklaro al tiaj Verkoj, aŭ kiam Publikigo, Distribuado, Komunikado kaj/aŭ Reproduktado al tia Verkoj estas faritaj;
c. preno de realaj novaĵoj, ĉu tute aŭ parte de novaĵagentejo, Elsendado Organizo, kaj gazeto aŭ aliaj similaj fontoj kondiĉe ke la fonto estas plene citita; aŭ

d. la produktado kaj distribuado de la Aŭtorrajtigita enhavo per informa teknologio kaj komunikiloj kiuj ne estas komercaj kaj/aŭ enspeziga por la Aŭtoro aŭ rilataj partioj, aŭ la Aŭtoro esprimas neniun obĵeton kontraŭ la fabrikado kaj disvastigo en demando.
e. Reproduktado, Publikigo, kaj/aŭ Distribuado de Portretoj de la Prezidanto, Vicprezidanto, iamaj Prezidantoj, iamaj Vicprezidantoj, Naciaj Herooj, estroj de ŝtataj institucioj, estroj de ministerioj/neministeriaj registaragentejoj, kaj/aŭ la estroj de regionoj per konsidero. konsideru la dignon kaj taŭgecon konforme al la dispozicioj de leĝoj kaj regularoj.'

La tuta leĝo estas legebla ĉi tie: id.wikisource.org/wiki/Undang-Undang_Republik_Indonesia_Nomor_28_Tahun_2014).

Pro tio, ĉiuj rajtas kopii, modifi, distribui kaj efektivigi la originalan verkon, eĉ por komercaj celoj, ĉion sen peti permeson.

La originala verko estas elŝutebla de commons.wikimedia.org/wiki/File:Album_wayang_kulit_banjar.pdf aŭ repositori.kemdikbud.go.id/8166/.

La verko estis tradukita kaj modifita de Adam Damario Prakasa en 2022 sen ajna rilato, peto, aŭ subteno de la originalaj verkintoj kaj publikigintoj.

# ENKONDUKO

## Historio

La vorto vajango aŭ *wayang* originale signifis ombron, sed tiu signifo iom post iom ŝanĝiĝis al iu teatra arto. Eble tio okazis ĉar nun oni spektigas vajangon ne nur per ombro sur ekrano, sed ankaŭ per aliaj manieroj, kiel *wayang golek, wayang cepak, wayang beber, wayang wong,* kaj tiel plu.

La deveno de ĉi tiu ombroteatro estas ankoraŭ ne klare sciata. D-ro N. J. Krom opinias ke la vajanga teatro devenas el okcidenta Barato, sed D-ro G. A. J. Hazeu kontraŭis tion en sia disertacio *Birjdrage tot de Kennnis Van Het Javaansehe Toneel.* Li opinias ke ĝi estas originala Java teatra arto. Krom ili, estas ankaŭ kleruloj, kiuj opinias ke vajango fakte estas kombinaĵo de la Javaj kaj Hinduaj Barataj kulturoj.

Vajango tre plaĉas al homoj de multaj sociaj klasoj en Indonezio. Ĝi disvastiĝis ne nur en Javo, sed ankaŭ al aliaj insuloj, kiel Balio, la sudorientaj insularoj, Sumatro, Borneo, kaj tiel plu. En Borneo, precipe suda Borneo, la leda vajango aŭ *wayang kulit* estas konata ekde la dek kvara jarcento. Tio estas certigita de la fakto ke inter la jaroj 1300 kaj 1400, la Maĝapahita

imperio jam regis Borneon, kiel kolonion (Tjilik Riwut: 1993). Maĝapahito, kies oficiala religio estis Hinduismo, disvastigis sian religion en Borneo ne per forto, sed per vajango.

Tradicie homoj kredas ke la Maĝapahita armeo, kiu estis komandita de  Andayaningrat, venis kun *dalang* (vajangpupisto), kiu nomiĝas Raden Sakar Sungsang, kaj muzikistoj. La vajanga spektaĵo de R. Sangkar Sungsang ne plaĉis al la popolo de Banjar ĉar ĝi uzis tro multe da Javaj roloj kaj idiomoj.

Kiam la Maĝapahita imperio ekmalkreskis kaj estis anstataŭigita de la Islamaj reĝejoj (la jaro 1526), Datuk Toya ekadaptis la vajangan teatron al la lokaj kulturoj. Tiu konformigo daŭris ĝis la dek sesa jarcento kaj malrapide la vajanga teatro konformiĝis al la lokaj ŝatoj kaj estetikoj.

Nun la leda vajango de Banjar estas sia propra teatro kun karakteroj, kiuj malsamigi ĝin de aliaj ledaj vajangoj forme, muzike, kaj ludmaniere.

## Materialo de Vajango

La materialo kutime uzata por fari vajangon en Javo estas bubala ledo. La plej bona ledo estas la ledo de la blanka bubalo (*kerbau kudisan*). Ĉar bubaloj ne estas multe breditaj en suda Borneo, la popolo de Banjar faras sian vajangon el bova ledo kaj eĉ ŝafa ledo.

Tiuj ledoj estas facile formeblaj, skulpteblaj, kaj koloreblaj por fari iun vajangon. Oni ankaŭ aldonas *ulin*-lignan (el ligno de *Eusideroxylon zwageri*) krampon al la vajango por ke ĝi povas stari kaj esti uzata. La manoj de vajango estas ligita kun kovrilo por ke ili povas facile moviĝi.

Kutime la vajangoj de Banjar estas pli malgrandaj ol la vajangoj de Javo. Iliaj ornamoj kaj koloroj ankaŭ estas pli simplaj. Ili estas tiaj ĉar la spektantoj de la vajanga teatro en Banjar vidas nur la ombrojn de la vajangoj sur ekrano. La ornamoj, detaloj, kaj koloroj ne estas bone videblaj.

## Tempo kaj Loko

La prauloj de indonezianoj estis politeistoj. Tio signifas ke ili adoris multajn diojn. Ili ankaŭ faris ceremoniojn per vajango por respekti objektojn kun

magiaj povoj. Ĉi tiuj ceremonioj kutime okazis nokte ĉar ili kredis ke la spiritoj de la prauloj aperas dum la nokto. De tiaj ritoj, la vajanga arto kreskis en kelkaj regionoj de Indonezio.

Ekde tiu tempo, kiam leda vajango eniris al suda Borneo, la vajanga teatro estas ĉiam okazigita nokte laŭ la tradicio. Ĉu tiu tradicio estas rilata al animismo kaj politeismo? Oni devas fari profundan esploron por respondi tiun simplan demandon.

La vajanga spektaĵo de Banjar estas kutime ludita en multaj eventoj, kiel cirkumcido, oficialiga ceremonio, geedziĝo, grandaj ferioj, kaj plenumo de promeso. La spektaĵo povas esti okzigita ie ajn: en kampo, la urba placo, aŭ *pendopo* (eksterdoma teatro antaŭ kastelo aŭ domo), kiu povas enhavi multe da spektantoj. La spektantoj povas spekti la vajangan spektaĵon sidante sur seĝo, kaŭrante, starante, aŭ kuŝante.

La vajanga scenejo estas kutime en pli alta loko ol la spektantoj. Ĝi estas speciale farita por la ludantoj kaj ĝi havas ekranon kaj lumilon (*blencong*). Apud la *dalang*, la vajangoj estas metitaj linie. Malantaŭ la

*dalang,* la gamelanaj ludistoj sidas rigardante siajn instrumentojn.

Rakonto

Kiel multe da aliaj vajangaj teatroj, la rakontoj de la vajanga teatro de Banjar devenas el du Hinduaj epopeoj: Ramajano kaj Mahabarato.

Krom ili, la *dalang* de Banjar ofte rakontas siajn originalajn verkojn aŭ *lakon carang*. En la evoluo de la vajanga teatro, tiuj *lakon carang*- fariĝis pli ofte ludita kaj multe da *dalang* sentus sin pli fiera se ili ludus siajn verkojn ol se ili ludus jam ekzistantajn popolajn rakontojn.

En suda Borneo, estas *wayang sampir*, rita ceremonio por forigi malbonajn spiritojn, kiuj ĝenas homojn. Ĝi estas densa spektaklaro dum unu ĝis du horoj sekvote de ordinara spektaĵo.

*Gunungan* (montaĵo) estas simbolo de la mondo. Sur ĝi estas bildoj de bestoj, plantoj, kaj homoj. En la *pakeliran* (la ekrano uzata por spektigi vajangon), *gunungan* rolas kiel fajro, la maro, montoj, kaj pordegoj de kastelo. Ĝi estas ĉiam uzata en ĉiu sceno. Ĝi aperas antaŭ la spektaĵo komenciĝas, kiam oni volas montri ion, kiam la sceno ŝanĝiĝas, kaj kiam la spektaĵo finiĝas.

Sanghyang Pramestiguru estas la filo de Sanghyang Tunggal kaj Dewi Wirandi. Wirandi mem estas la filino de la ĝina reĝo Prabu Yuyut en la reĝejo Keling. Li loĝas en la ĉielo Alang-alang Kumitir. Sanghyang Pramestiguru edziĝis kun du diinoj: Dewi Umayi kaj Dewi Umarekti. Dewi Umayi naskis ses idojn: Batara Sambo, Batara Brahma, Batara Indra, Batara Bayu, Batara Wisnu, kaj Batara Kala. Dewi Umarekti naskis tri idojn: Batara Cakra, Batara Mahadewa, kaj Batara Asmara. Sanghyang Pramestiguru reĝas super tri mondoj kaj posedas magiajn fortajn armilojn:

1. *Cis Kalaminta* (lanco)
2. *Trisula* (tridento)
3. *Aji Kawrastawan* (alerto)
4. *Aji Pangabaran* (defendo kontraŭ danĝero)
5. *Aji Kamayan* (povo de formoŝanĝo)

Batara Narada estas la filo de Sanghyang Catur Kanwaka kaj Dewi Laksani. Pro tio li ankaŭ estas konata kiel Sanghyang Kanwa Putra. Li loĝas en la ĉielo Sidik Pangudal. Sanghyang Narada havas tri idojn. Sanghyang Pritanjala, Dewi Tiksnawati, kaj Sanghyang Caturwana. Poste, Batara Narada edziĝis kun Dewi Wiyodi kaj ili havas du idojn: Dewi Kanekawati kaj Batara Malangdewa. Batara Narada estas *patih* aŭ ĉefministro en la ĉielo Suralaya, kiu estas tre agrabla, lerta, feliĉema, kaj honesta. Tial ĉiuj obeas lin.

Batara Brahma estas la diiĉo de fajro, li estas la filo de Sanghyang Pramesti Batara Guru. Li loĝas en la ĉielo Kuta Miring Uawa aŭ la ĉielo Deksina Geni. Li povas detrui ĉiujn malbonojn en la mondo per sia fajro. Batara Brahma edziĝis kun la diino Dewi Saraswati, la filino de Hyang Pancaweda. Sanghyang Brahma estas la praulo de la Pandavoj. Sanghyang Brahma havas rondajn okulojn, *sembada*-an (sufiĉan) nazon, kaj malfermitan buŝon. Li surmetas kronon, kiu signifas ke li estas dio fortega.

Batara Indra estas la filo de Batara Guru. Li reĝas en parto de Jonggring Salaka (ankaŭ nomata kiel Tinjomaya), kie loĝas Batara Guru. Li estras ĉiujn diojn laŭ la ordono de Batara Guru. Krom tio, Batara Indra ankaŭ decidas, kiajn donacojn oni donu al homoj, kiuj estas bonfaraj al la dioj. La edzino de Batara Indra estas Dewi Wiyati kaj ili havas sep idojn:

1. Dewi Tara
2. Dewi Tari
3. Batara Citrarata
4. Batara Citragana
5. Batara Jayantaka
6. Batara Jayantara
7. Batara Harjunawangsa

Batara Indra estas donema, amema, kaj ŝatas la arton kaj belon.

Laŭ la popolo en fora regiono de Banjar, Batara Kamajaya estas la diiĉo gardanta de la ĉielaj anĝeloj. Li loĝas en la ĉielo Tunjungmaya, kiel diiĉo de amo. La edzino de Batara Kamajaya estas la diino Dewi Kamaratih, filino de Sanghyang Soma. La Java popolo okazigas feston (en Banjar ĝi nomiĝas la ceremonio de *Mandi-mandi*), kiam virino gravediĝas unuafoje. Tiam ili kutime oferas unu paron da flavaj kokosoj, kie estas pentritaj la gedioj Kamajaya kaj Kamaratih. Tio estas farita por ke ili ricevos benon de la gedioj. Batara Kamajaya havas *jaitan*-ajn (maldikajn) okulojn, pintan nazon, kaj nigrajn dentojn. Li surhavas dian veston sed kun ĉapelo de kŝatrio. Laŭ la Java tradicio, Batara Kamajaya loĝas en la ĉielo Cakrakembang.

Batara Asmara estas la diiĉo de plezuro. Homoj kredas, ke kiu ricevas plezuron, tiu estas protektata de li. Tial Batara Asmara ofte aperas kiel homo por koketi homojn ĝis la homo malfermas sian koron al plezuro. Batara Asmara havas *jaitan*-ajn (maldikajn) okulojn, pintan nazon, kronon por montri ke li estas dio, la florojn de *kluwih* (*Artocarpus camansi*) sur sia hararo, kaj la kapornamon *jamang*. Batara Asmara estas la plej juna filo de la gedioj Sanghyang Manikmaya kaj Dewi Umarekti. Li havas taskon pacigi geedzojn separintajn ĝis ili reunuiĝas plene de amo kaj vivas feliĉe.

Batara Kala naskiĝis el fajro brulanta kaj ne facile estingebla. Tiam multe da dioj penegis per ĉiuj siaj fortoj estingi ĝin, sed neniu sukcesis. Poste, la fajro fariĝis giganto nekompreneble grandega kaj li iris al la ĉielo, la reĝejo de dioj, por demandi, kiu estas lia patro. Batara Guru maltrankviliĝis ĉar se la giganto kolerus, li kaŭzus grandan katastrofon. Tial, Batara Guru agnoskis lin kiel sia filo. Poste, Batara Guru prenis liajn du dentegojn kaj kreis armilojn el ili por doni al Arjuna kaj Karna. Batara Guru nomis tiun giganton kiel Batara Kala, kiu signifas la diiĉon de tempo, kaj ordonis lin loĝi en Nusakambangan.

Dewa Mandu estas la posteulo de Batara Surya, la filo de Prabu Kartawirya, reĝo de Maespati. Lia edzino nomiĝas Dewi Citrawati kaj estas la filino de Prabu Citragada de la reĝejo Magada. Li estas la avataro de Hyang Wisnu kaj pro tio li povas ŝanĝi sian formon al granda giganto kun mil brakoj. En Javo, Dewa Mandu estas konata kiel Arjuna Sasrabahu, kiu signifas milbrakulon. En la fino, Dewa Mandu mortis pro la forta armilo de Resi Jamadagni. Tiam, Rama Bergawa, la filo de Resi Jamadagni, estis serĉanta manieron morti. Li renkontis Dewa Mandu kaj batalis kontraŭ li. Sed Dewa Mandu estis trapikita de Rama Bargawa per la sago de Resi Jamadagni ĝis li mortis. Post sia morto, Dewa Mandu estis anstataŭigita de sia filo, Prabu Rurnaya, kiel la reĝo de Maespati.

Nagaraja estas serpenta reĝo, kiu loĝas en la puto Jalatunda. Li havas du idojn: Dewi Pratiwi kaj Bambang Pratiwanggana. Nagaraja estas la bopatro de Batara Wisnu, kiu edziĝis kun lia filino, la diino Dewi Pratiwi. La gedioj Pratiwi kaj Wisnu havas du idojn: la diiĉo Bambang Setija kaj la diino Siti Sendari. Tial, post Setija fariĝas la reĝo de Surateleng (Trajutresna), Nagaraja estas nomumita kiel la konsilisto de la reĝejo Trajutresna. Kvankam li estas serpento, Nagaraja tamen ricevas la titolon Batara kaj dian kronon por signifi ke li estas egala al dio.

En la vajanga arto, Semar estas konata kiel la servisto kaj la gvidisto de la Pandavoj en iliaj vivoj. Laŭ la vajanga tradicio de Banjar, Semar estas konata kiel diiĉo malsupreniĝanta. Se iu bezonus lian helpon en grava afero, li ŝanĝiĝus al Sanghyang lsmaya. Semar estas pacienca, donema, amema, kaj neniam malĝoja. Sed, se li kolerus, neniu povus haltigi lin kaj eĉ la aliajn diojn li konsiderus pli malalta ol siaj piedoj. Semar simbolas la veran homan konduton. Li havas *rembesan*-ajn (ŝajne malsanajn) okulojn, *nyunthi*-an (kiel la tubero de celerio) nazon, grandan glutejon elstarantan malantaŭen. En sia servo, Semar estas ĉiam akompanata de siaj tri idoj: Gareng, Petruk, kaj Bagong.

NALA GARENG



Gareng estas konata kiel filo de Semar, kies plena nomo estas Nala Gareng, kiu signifas la sekan koron. Ĉar li ne povas lerte paroli, ĉioj, kiujn li diras, estas malĝustaj, sed li ne konfesas tion. Gareng iam fariĝis reĝo de Parang Gumiwang kun la titolo Pandu Bergala, sed li estis venkita de Petruk kaj fariĝis nur Gareng denove. Gareng havas *juling/kero*-ajn (strabajn) okulojn, rondan nazon, kaj *ceko*-ajn (malrektajn) brakojn. Li suferas de la *bubul*-malsano (piedkalo) do li paŝas lame. Lia hararo estas ligita kiel porka vosto. Li surhavas la tukon *rapekan*. Nala gareng iam edziĝis kun Dewi Sariwati, la filino de Prabu Sarawasesa de la lando Salarengka. Tion li atingis helpate de Resi Tri Trusta de la lando Purwaduksina.

Jambu Leta estas servisto (*punakawan*) de la protagonistaj kŝatrioj. Antaŭ li havas sian nunan formon, li estis Bambang Petruk Panyukilan, filo de la giganta pastro Begawan Salantara, kiu loĝas en submara monaĥejo. Neniu rakonto pri Petruk ekzistas en la Mahabarato ĉar li estas tute originala Java kreaĵo en la vajanga teatro. Petruk iam fariĝis la reĝo de Ngrancang Kencana kaj estis konata kiel Wei Geduwel Beh. Lia magia povo tiam devenas el la heredaĵo de Amarta, la *Jamus Kalimasada*. Petruk havas *juling*-ajn (strabajn) okulojn, longan nazon, larĝan buŝon, ridetajn lipojn, kaj ligitan hararon. La edzino de Petruk nomiĝas Dewi Ambarawati, la filino de Prabu Ambaras Raya, la reĝo de Pandan Surat. Ili havas filon, kiu nomiĝas Lengkung Kusuma. Petruk ĉiam vivas harmonie kaj kune kun Semar, Gareng, kaj Bagong. Ili ĉiam vivas kiel unu familio. Se ne estus grava afero, ili neniam disiĝus.

Bagong estiĝis el la ombro de Sanghyang lsmaya laŭ la ordono de Sanghyang Tunggal. Kiam Sanghyang lsmaya malsuprenirontis al Marcapada, li petis sian patron por ke li estos akompanata de amiko. Pro tio, tiam lia peto estis tuj konsentita kaj Ismaya faris Bagong el sia ombro. Laŭ la rakonto de *dalang*-oj (vajangpupistoj) de la tempoj de Mataram; iam vivis unu *dalang*, kiu nomiĝas Panjangmas, kies posteuloj vojaĝis en Orienta Javo, kiu ludas vajangon sen la Bagong. Tial, Bagong ne havas gravan rolon en la vajanga teatro de Orienta Javo ĝis nun. La edzino de Bagong estas Endang Batnawati, filino de Prabu Balyaraja Gandarwa en Pucang Sewu. La karaktero kaj parolmaniero de Bagong estas infanaj kaj ridigaj, lia voĉo estas kruda, lia agado estas kiel stultulo sed estas ĉiam ĝusta.

Togog estas servisto de la reĝoj en foraj landoj. Li estas filo de Sanghyang Tunggal, kiu naskiĝis en la formo de homo kaj nomiĝis Sanghyang Antaga. Sed, pro disputo kun Semar, lia formo fariĝis tre malbela. Li fariĝis servisto de la reĝoj trans la maro kaj laboras kiel gvidisto, kiam sia reĝo vojaĝas al aliaj landoj. Togog ne havas lojalecon al iu sola kaj ĉiam ŝanĝas mastrojn de unu al la alia. Togog havas *juling/kero*-ajn (strabajn) okulojn, platan nazon, kaj *mrongos*-an (larĝan kaj elstarantan antaŭen) buŝon, estas sen dento kaj senhara.

Sarawita estas amiko de Togog servante la transmarajn reĝojn. En la vajanga teatro de Banjar, li estas tre malofte ludita. Li estas aroganta, kiel koko, kiu defias sian malamikon. Sarawita havas *juling*-ajn (strabajn) okulojn, platan nazon, kaj malfermitajn lipojn. Lia hararo estas tondita ĉar li suferas de skabio sur sia kapo. Ien ajn li iras ĉiam kunportante la ponardon *badek*.

Subali estas la filo de Resi Gotama kaj Dewi lndradi en la *padepokan* (monaĥejo) Grastina. Li havas gefratojn: Dewi Anjani kaj Sugriwa. Iam Rahwana vojaĝis tra la mondo, alte flugante en la ĉielo. Tiam li falis antaŭ Subali pro malbeno de Subali ĉar li paŝis tra la meditejo de Subali. Vidinte la fortan povon de Subali, Rahwana ekvolis esti studento de Subali. Finfine Rahwana studis sub Subali ĝis li akiris *Aji Pancasonabumi*, teran nemortemon do li ne povas morti tuŝante la teron. Subali iam helpis al la dioj mortigi la estrojn de la reĝejo Gua Kiskenda, Prabu Mahesasura kaj Jatasura. Subali mortis pro *gunawijaya,* la forta armilo de Prabu Rama, ĉar Subali faris malbonon kaj estis avida al sia pli juna frato, Sugriwa.

Sugriwa estas la plej juna filo de Resi Gotama en la monaĥejo Grastina, kiu estas sur la monteto Sukindra. Li estis bela, sed li batalis kontraŭ Subali por akiri la talismanon *Cupu Manik Astagina* ĉe la lago Sumala. Tial lia vizaĝo fariĝis kiel simio. Kiel pentofaro, li estis ordonita de Resi Gotawa mediti en la formo de cervo en la arbaro Sunyapringga. Kiam Sugriwa meditis, la dioj petis helpon de Sugriwa mortigi Prabu Mahesasura, Lembusura, kaj Jata Sura. Sugriwa povis mortigi nur la ĉefministron Lembusura. Anstataŭe, Subali mortigis la aliajn, Prabu Mahesasura kaj Jata Sura. La dioj konsentas kroni Sugriwa kiel la reĝo de Gua Kiskenda kaj Kapi Anila kiel la ĉefministro. Sugriwa en sia tuta vivo servis Sri Rama Wijaya kaj helpis al li liberigi Dewi Sinta, kiu estis kaptita de Prabu Rahwana. Pro la servo de Sugriwa, finfine Sri Rama venkis kaj povas konduki Sinta hejmen, al Ayodya. Poste, Sugriwa reiris al Kiskenda kiel granda reĝo, karisma, forta, kaj feliĉa. Li ne povas ŝanĝi sian simian formon ĉar li estas blokita de la grandioza kaj luksa monda vivo, kiun li ĝuas.

Jembawan estas la zorganto de la filo de Resi Gotama. Li estas la filo de Resi Pulasya en la monaĥejo Grastina. Komence li estis homo, sed lia formo ŝanĝiĝis al simio kiam okazis *Guarsa-Guarsi,* la batalo por akiri la talismanon *Cupu Manik Astagina* en la lago Sumala. Dum la granda milito de Alengka, Jembawan jam reŝanĝis sian formon al homo denove. Finfine, li edziĝis kun Dewi Trijatha, la filino de Wibisana, la reĝo de Alengka, post Rahwana mortis en la granda milito de Alengka. Jembawan havas filinon, Dewi Jembawati, kiu edziniĝis kun Prabu Kresna, la reĝo de Dwarawati. La maljuna Jembawan fariĝis solulo kaj loĝis en la monaĥejo Gadamadana.

PRABU MAESASURA



Prabu Maesasura estis la reĝo de Gua Kiskenda. Lia formo estas giganto kun la kapo de bubalo. Li reĝas kun sia ĉefministro, Lembusura. Prabu Maesasura estas tre magie forta. Li ne povas morti, kiam sia kolego, Jatasura ankoraŭ vivas. Ili estas kiel du spiritoj kun unu animo. Oni ne povus mortigi ilin du se oni ne farus tion samtempe. Ĉar li volas edzigi kun Dewi Tara, la dioj ordonis al Sugriwa kaj Subali mortigi ilin du. Finfine Maesasura kaj Jatasura mortis pro Subali.

Lembusura estas la ĉefministro de la reĝejo Gua Kiskenda sub Prabu Maesasura. Li estis mortigita de Sugriwa kiam Maesasura volis edziĝi kun Dewi Tara. Ne volante lasi la diinon, la aliaj dioj malakceptis tiun proponon kaj sendis Sugriwa kaj Subali mortigi ilin. Lembu Sura estis mortigita de Sugriwa, sed Prabu Maesasura kaj Jatasura estis mortigitaj de Subali. Pro tio, Gua Kiskenda estis donita de la dioj al Sugriwa kaj Subali kaj ili estis permesitaj edziĝi kun Dewi Tara.

PRABU RAMA / RADEN RAGAWA



Ragawa estas la sola filo de Prabu Dasarata, la reĝo de Ayodya, kaj Dewi Ragu. Rama estis la princo de Ayodya. Kiam li jam estis plenkreska, li edziĝis kun Dewi Sinta, la filino de Prabu Janaka de la lando Mantili. Sed, ilia geedzeco estis perturbita de Rahwana, la dekvizaĝa reĝo de Alengka. Tiu malordo okazis, kiam Rama, Sinta, kaj Lesmana vojaĝis en la arbaro Dandaka. La dekvizaĝulo vidis la belon de Sinta kaj volis kapti ŝin. Li logis Sinta per Kalamarica, kiu aspektas kiel cervo. Sinta volis la havi la cervon kaj petis al Rama kaj Lesmana ĉasi ĝin. Vidinte la solan Dewi Sinta, Rahwana ŝanĝis sian formon al maljunulo. Li sukcesis ruzi kaj preni ŝin al Alengka. Pro tio Rama kaj Dasamuka fariĝis malamikoj kaj poste okazis la granda milito Brubuh Alengka. Finfine, Prabu Rama venkis kaj Dewi Sinta akompanis Rama kiel la reĝo de Pancawati. Rama kaj Sinta havas du idojn: Kusa kaj Lawa.

Lesmana estas la filo de Prabu Dasarata kaj Dewi Sumitra. Li estas kŝatrio de *Brahmacari* (kŝatrio sen edzino). Dum sia vivo, li ĉiam helpas Rama pacigi la mondon. Lesmana estas la pli juna frato de Rama, kiu servis fidele ĝis sia morto. Pro sia obeado al Rama, li vojaĝis kun Rama kaj Sinta dum la ekzilo en la arbaro. Tiam, Dewi Sinta estis kaptita de Rahwana. Rama eksciis pri tio, post kiam li trovis la *garuda* (mita birdo) Jatayu, kiu estis mortonta pro Rahwana. Sciante ke Dewi Sinta estis en Alengka, tuj iras Rama kaj Lesmana tien subtenite de Prabu Sugriwa kaj la simia armeo de Gua Kiskenda. Dum la granda milito de Alengka, Lesmana mortigis multe da lertaj generaloj de Alengka. Post la milito, Lesmana kun Rama kondukis Dewi Sinta al Ayudya. Ĉiam sincere li alfrontas mizeron kaj doloron pro la feliĉo de Rama.

DEWI SINTA



Dewi Sinta estas la filino de Prabu Janaka de MantiIi. Dewi Sinta estas la avataro de Dewi Sri / Dewi Widawati. Laŭ la rakonto de Purwacarita, Dewi Sinta estas la filino de Dewi Tari kaj Dasamuka / Rahwana. Ŝia naskiĝo maltrankviliĝis Wibisana (la pli juna frato de Dasamuka) ĉar li scias ke Dasamuka volas edziĝis kun Dewi Sinta. Tial li tuj forigis Sinta, kiu estis bebo, al la rivero Gango. Sinta estis trovita de la reĝo de MantiIi (Prabu Janaka) kaj post ŝi jam plenkreskis, Sinta edziniĝis kun Sri Rama. Poste ili vivas en la arbaro Dandaka, kiel vojaĝantoj. Dum tiu vojaĝo, Sinta estis kaptita de Dasamuka/Rahwana kaj estis portita al la ĝardeno Argasuka de Alengkadiraja. Pro tio okazis granda milito inter la reĝejoj Pancawati kaj Alengkadiraja, kiu mortigis multe da homoj kaj Kostis multe da mono. Prabu Rama venkis helpate de Prabu Sugriwa kaj la simia armeo de Gua Kiskenda. Post la morto de Dasamuka, Sinta finfine reiris al Pancawati kiel la edzino de Prabu Rama kaj tie ŝi naskis du idojn: Kusa kaj Lawa.

RADEN WIBISANA



Wibisana estas la plej juna filo de Resi Wisrawa kaj Dewi Sukesi. Wibisana estas la avataro de Wisnu Anjali. Tial lia agado estas tre saĝa. La edzino de Wibisana estas Dewi Triwati kaj ili havas du idojn: Dewi Tri Joto kaj Denta Wilukrama. Dum la granda milito de Alengka, Wibisana estas la kialo de la venko de Sri Rama. Pro tio, post Rahwana mortis, Sri Rama tuj nomumis Wibisana kiel la reĝo de Alengka anstataŭante Rahwana.

RADEN ANOMAN



Anoman estas *senopati* (generalo) de Sri Ramawijaya. Lia formo estas blanka simio. Lia patrino estas Dewi Anjani, la filino de Resi Gotama kaj Dewi lndrati, kiu

loĝas en la monaĥejo Grastina. Lia patro estas Sanghyang Pawana / Batara Bayu. Li edeziĝis kun Dewi Urangrayung, la filino de Begawan Mintuna en la fundo de la maro. Ili havas filon, kiu nomiĝas Triangga/Trigangga kaj aspektas kiel simio. Anoman estas tre kuraĝa, fidela, kaj alerta soldato. Li estas agrabla al iu ajn, kiu estas respektema. Liaj povoj estas *Aji Sepiangin* (flugi tiel rapide, kiel vento), *Aji Pameling* (voki kaj esti vokita de proksime kaj fore), kaj *Aji Mundri* (havi la forton de mil elefantoj per ĉanti).

Li vestiĝas per:

1. *Pupuk Jarating Asem*
2. *Gelung Minangkara* (hararo kiel la pinĉiloj de omaro)
3. *Kelatbahu Sigarblabar* (suprabraka braceleto, kiu aspektas kiel mangostano)
4. *Kampuh Poleng* (teksaĵo kun ŝaktabula motivo) ruĝa, nigra, kaj blanka
5. *Gelang Binggal* (braceletoj) de Candradimukti
6. Zono el la radikoj de *mimang*-planto

Post li fariĝis *brahmana* aŭ pastro, li havas la titolon Resi Mayangkara kaj loĝas en la monaĥejo Kendalisada.

RADEN ANALA / ANILA



Anala estas generalo de Prabu Sugriwa, reĝo de Kiskenda. Anila havas ruĝajn flavajn harojn. Li estiĝis el la mistika filo de Hyang Brahma. Anala estis kreita por plifortigi la armeon de Prabu Rama por liberigi Sinta. Anala povas moviĝi sub la tero kaj estas lerta arĥitekto (li konstruis ponton en la rakonto de Rama Tambak)

Anggada estas generalo en Gua Kiskenda. Li estas la filo de Resi Subali kaj Dewi Tara. En sia servo, Anggada iam estis tentita de Rahwana. Tiam, Anggada estis sendita de Sri Rama por esplori, kiel fortaj estas Rahwana kaj sia armeo. Sed, kiam li alvenis en Alengka, Rahwana diris al li ke la mortiginto de Subali (la patro de Anggada) estas Sri Rama. Anggada koleriĝis kaj atakis Sri Rama, sed lia atako estis blokita de Anoman. Finfine Anggada reamikiĝis kun Prabu Rama kaj helpis al li batali kontraŭ la armeo de Alengka.

Suwida estas la filo de Narapati Sugriwa kaj Endang Suwarsih, la servisto de Dewi Anjani. Lia formo estas simio kun nigraj haroj. Suwida estas unu generalo de Sri Rama kiu estas lerta kaj fortika. Kiel soldato, li povas moviĝi rapide kaj kompetente. Suwida havas magian povon vivi sub la akvo. En la rakonto de Rama Tambak, Kapi Suwida regis la konstruado de ondrompilo ĉe la fundo de la maro por ke la ponto al estas forta. Sri Rama, Lesmana, kaj la tuta simia armeo sub la komando de Sugriwa povis transiri al Alengka. En la granda milito de Alengka, Suwida estis kuraĝa generalo kaj mortigis multon da generaloj de Alengka.

Rahwana estas ankaŭ konata kiel Dasamuka, dekvizaĝulo. Rahwana havas gefratojn:

1. Kumbakarna (giganto)
2. Dewi Sarpakenaka
3. Wibisana

Li ankaŭ havas duonfraton, Wisrawana / Prabu Danaraja, la reĝo de Lokapala. Rahwana akiris la povon *Aji Pancasona* de Resi Subali. Pro *Aji Pancasona,* li ne mortiĝus se li tuŝus la teron. Sed, tiu povo ne funkcius se li kondutus avide. Rahwana naskiĝis kun dek kapoj kaj du dek brakoj. Pro la magia povo de Begawan Wisrawa, Rahwana kreskis nature. Li kaj siaj gefratoj estis ordonitaj de sia patro mediti. Post li meditis, Rahwana estis kronita kiel la reĝo de Alengka laŭ la ordono de Prabu Sumali. Ekde tiam, li estas konata kiel Prabu Dasamuka.

Dasamuka estas la alia nomo de Rahwana. Li estas la reĝo de Alengka, filo de Begawan Wisrawa kaj Dewi Sukesi, la filino de Prabu Sumali, la antaŭa reĝo de Alengka. Li edziĝis kun Dewi Tari, la filino de Batara Indra. Ili havas filon, kiu nomiĝas lndrajid (Megananda), la princo de Alengka. Li kaj siaj aliaj edzinoj ankaŭ havas aliajn idojn, ekzemple Tri Kaya, Tri Sirah, Tri Netra, Patala Maryam, kaj Tri Murcia. La lando Alengka sub lia reĝado estas tre konata, prospera, riĉa, havanta grandan teritorion kaj fortan multnombran armeon kun magia povo. Multe da homoj suferis pro la krueleco de Dasamuka. En la Ramajano, estas rakontita ke Prabu Dasamuka kaptis la edzinon de Prabu Sri Rama Wijaya, Dewi Sinta. Pro tio. okazis granda milito inter Alengka kaj Ayodya (Pancawati). Dum tiu batalo, Prabu Dasamuka mortis pro Sri Rama pere de la magia sago *Guwawijaya*. Por certigi lian morton, Anoman enterigi la korpon de Dasamuka sub la monto Kendalisada.

Prahasta estas la filo de Prabu Sumali, la reĝo de Alengka antaŭ Dasamuka. Prahasta estas la frato de Dewi Sukesi, la edzino de Begawan Wisrawa, kiu poste naskis Rahwana kaj liajn gefratojn. Post Rahwana fariĝis la reĝo de Alengka (konata kiel Dasamuka), Prahasta estis nomumita kiel *mahapatih*, la ĉefministro de Alengka. Prahasta komandis la armeon de Alengka por batali kontraŭ la simia armeo de Pancawati, kiu estis komandita de Patih Anala de Gua Kiskenda. Dum tiu milito, Prahasta atakis Anala kaj puŝis lin ĝis ili estis ĉe la fora flanko de la arbaro Alengka. Anala estis superfortata de la atako de Prahasta. Tiam, Anala prenis monumenton apud si kaj batis la kapon de Prahasta per ĝi. Prahasta mortis kaj sia kapo estis rompita. Poste, tiu monumento fariĝis Dewi lndrati. Antaŭe ŝi estis transformita tiel per la malbeno de Resi Gotama de la monaĥejo Grastina. Dewi lndrati estas la patrino de Resi Subali, Dewi Anjani, kaj Sugriwa, la reĝo de Gua Kiskenda.

PATALA MARYAM



Patala Maryam estas la filo de Prabu Dasamuka kaj Dewi Urangrayung, la filino de Hyang Maniklodra de la ĉielo Kandabumi. Patala Maryam estas konata kiel Topengwaja laŭ la Java vajanga tradicio. Dum la granda milito de Alengka, Patala Maryam mortigis multon da homoj pro sia magia povo: kiun ajn li rigardas, tiu mortiĝas. Sed, Wibisana konsilis al Anoman alfronti lin portante spegulon por reflekti la varmegan lumon de Topengwaja. Pro tio, lia magia rigardo estis reflektita kaj bruligis Patala Maryam mem ĝis li mortis.

Raksasa (la giganto) Cakil aperas en ajna sceno. Cakil ne estas lia vera nomo, sed nomaĉo. Li havas tiajn dentegojn, kiaj kejloj estas. Lia nomo foje estas ŝanĝita de la *dalang* (vajangpupisto) por ke ĝi estas ĝusta por la rakonto. Raksasa Cakil havas laŭtan voĉon, sed li parolas mallerte. Li kuraĝe faris la ordonojn de sia reĝo, sed li ĉiam estis venkita en batalo kaj finfine li mortis kun la aliaj gigantoj. Cakil havas *kriyepan*-ajn (ĉiam papelbrumantajn) okulojn, dentegojn, kaj nazon, kiu aspektas kiel la pruo de boato. Lia malsupra makzelo protrudas pli ol la supra makzelo. Lia hararo estas aranĝita je *sanggul keling* kaj ornamita per floroj. Li surmetas la florojn de *kluwih* kaj portas la ponardon *keris* malantaŭ sia talio.

En la vajanga tradicio de Banjar, ĉi tiu giganto estas konata kiel Kedagit Habang pro sia koloro (*habang* signifas ruĝan en la lingvo de Banjar). Li havas du rolojn. Li povas roli kiel diiĉo transformita al arbara giganto, kiu volas koketi kŝatrion. Li povas ankaŭ roli kiel la avataro de Batara Kamajaya aŭ aliaj dioj malbenitaj. Sed fine li retransformiĝos al sia originala formo. Kedakit Habang havas *bengis*-ajn (diablajn) okulojn, nazon aspektantan kiel la pruo de boato, malfermitan buŝon, dentegojn, kaj *gimbal*-ajn harojn (feltharojn).

Ĉi tiu giganto ankaŭ estas konata kiel Raksasa Prepat. Li estas *punggawa* (tribunala oficisto) en la reĝejo de gigantoj. Li povas aperi en ajna rakonto kun ajna nomo laŭ la volo de la *dalang* (vajangpupisto). La nomo Kedakit Biru devenas el lia koloro, *biru* signifas bluan. En ĉiuj rakontoj, li ĉiam estas mortigita de kŝatrio. Kedakit Biru havas vizaĝon rigardantan superen, malfermitan buŝon, kaj dentegojn. Liaj haroj estas aranĝitaj je *gimbal* aŭ feltharoj, li portas braceletojn, kiel *pontoh* kaj *keroncong,* kaj surhavas la tukon *rapekan*. Pupisto povas movi nur lian dekstran brakon signifante ke li estas avida kaj nur zorgas pri si mem.

Ĉi tiu giganto estas giganto de Prepat, kaj povas havi ajnan rolon kaj aperi en ajna rakonto laŭ la volo de la *dalang* (vajangpupisto). Kedakit Klawu havas *plelengan*-ajn (larĝajn) okulojn kaj videblajn dentegojn. Li surhavas ĉapon, kolieron de *birawa ulur-ulur*, braceletojn, kaj la brakornamon *pontoh*. Pupisto povas movi nur lian antaŭan brakon.

Ĉi tiu giganto estas konata kiel giganto malordiganta. Tio ne estas kaŭzita de lia forto kaj volo, sed de lia apetito. Siluman Katong simbolas iun, kies deziro ne estas plenumebla. En la vajanga tradicio de Javo, li nomiĝas Buta Terong. *Buta* signifas giganton kaj *terong* signifas melongenon pro lia nazo, kiu aspektas kiel melongeno. Tiu nomo estas priskribo de lia formo, sen ne estas lia vera nomo. Fakte lia nomo povas esti io ajn laŭ la volo de la *dalang* (vajangpupisto). Li havas dentegojn kaj malegalajn ŝultorjn. Li portas florojn de *kluwih,* ornamojn, kolieron de *ulur-ulur,* la ponardon *keris* sur sia talio.

Prabu Kresna (Kriŝno) estas la konsilisto de la Pandavoj. Li estas konata kiel la *dalang* de la Pandavoj ĉar li faras la statajn taktikojn kaj li estas la konsilisto de la reĝo Amarta. Li estas la reĝo de Dwarawati, post li sukcesis venki la giganton, Prabu Kuniana Kresna. Prabu Kresna havas la diskan armilon *Cakra* kaj floran amuleton *Kembang Wijayakusuma*. Tiun amuleton havas nur la avataro de Wisnu (Viŝnuo). Ĝi povas revivigi homojn, kiuj mortis antaŭ sia tempo. Prabu Kresna havas kvar edzinojn:

1. Dewi Jembawati, filino de Jembawan, la simia pastro de la monaĥejo Gandamadana. Ŝi naskis filon, Raden Samba.
2. Dewi Rukmini, filino de Prabu Rukma, la reĝo de Lesanpura. Ŝi naskis filinon, Dewi Siti Sendari.
3. Dewi Setyaboma, filino de Prabu Setyajid, la reĝo de Lesanpura. Ŝi naskis filon, Raden Setyaka.
4. Dewi Pertiwi, filino de Hyang Nagaraja de la ĉielo Saptapertala. Ŝi naskis filon, Raden Setija (Prabu Bomanarakasura).

SAMBA PANUMPINGAN GUNUNGSARI



Samba estas la filo de Prabu Kresna, la reĝo de Dwarawati. Samba estas bela kaj havas *nglangak*-an vizaĝon (lia kapo estas rekta). Lia voĉo estas laŭta kaj li povas koketi iun ajn, iĉan aŭ inan. Samba estas la avataro de Hyang Drema. Li edziĝis kun la Batari Dremi, kiu promesis ke ili renkontiĝos sur la tero kaj geedziĝos tie. Hyang Drema enkarniĝis kiel Samba, sed Batari Dremi erare enkarniĝis kiel Dewi Hagnyanawati, la edzino de Setija. Pro tio estis malamikeco inter la duonfratoj kaj fine Samba estis mortigita de Raden Setija. Laŭ la vajanga tradicio de Jogjakarto, la mortigo de Samba estas rakontita en *Samba Sebit*. Ĝi estas sankta rakonto ĉar la popolo kredas ke ĝi havas magiaĵon kaj povas malbeni la ĉiutagan vivon.

En Banjar, Setyaki estas konata kiel Padmanagara. En la vajanga teatro de Jogjakarto, li estas konata kiel Sencaki. Padmanagara estas la filo de Prabu Setyajid, reĝo de Leksanpura, kaj Dewi Sini, la filino de Prabu Sanaprabawa. La edzino de Setyaki estas Dewi Garbarini, la filino de Prabu Garbanata de la reĝejo Garbaruji. Ili havas filon, Raden Sangasanga. Setyaki ĉiam kondutas juste kaj honeste. Li parolas mallonge, firme, kaj lerte, montrante ke li estas soldato kuraĝa, neretiriĝema, forta, kaj tre kompetenta. Lia korpo estas malgranda, sed dikmuskola. Li ankaŭ povas vidi tre detale. Setyaki posedas la magian heredaĵon *Besi Kuning*. Antaŭe ĝi apartenis al Singamulangjaya, la generalo de Dwarawati dum la reĝado de Prabu Narasinga.

Prabu Pandu Dewanata estas la filo de Prabu Kresna Dwipayana (Abiyasa), la reĝo de Astinapura antaŭ si. Li havas du edzinojn:

1. Dewi Kunti havas tri filojn: Puntadewa, Bima, kaj Arjuna
2. Dewi Madrim havas du filojn: Nakula kaj Sadewa

La kvin filoj de Pandu estas konata kiel la Pandavoj. Pandu reĝis super Astinapura mallongan tempon. Iam li mortigis cervon, kiu fakte estis enkarniĝo de dio malbenita. Pro tiu eraro, la dioj ekzekutis lin. Pandu havas *jaitan*-ajn (maldikajn) okulojn, pintan nazon, fermitan buŝon, kaj rigidan kolon. Li surmetas la ornamon *sunting waderan*.

Dewi Kunti estas ŝia nomo laŭ la vajanga tradicio de Javo kaj Banjar, sed ŝi nomiĝas Dewi Prita en la Mahabarato. Ŝi estas la filino de Basudewa, la reĝo de Mandura, kiu estas la posteulo de Prabu Yadawa. Dewi Kunti estas amema kaj fidela al sia edzo. Ŝi havas altan spiritualisman scion, kiun ŝi akiris de Empu Druwasa. Druwasa estas konata pro sia *Aji Pepanggil*, kiu estas la povo voki iun ajn dion. Dewi Kunti estas edzino de Pandu Dewanata, la reĝo de Astinapura, kaj ili havas tri filojn: Puntadewa (Darmakusuma), Bimasena (Werkudara), kaj Arjuna (Janaka).

Puntadewa estas la alia nomo de Prabu Darmakusuma. Li estas reĝo sed li vestiĝas simple kaj sen oro, ne kiel aliaj reĝoj. Puntadewa estas prezentita kiel iu tre pacienca. Homoj diras ke li havas blankan sangon ĉar li neniam koleras. Puntadewa havas la magian heredaĵon *Surat Kalimasahusada*, kiu povas forigi malamikojn, savi Puntadewa de danĝero, kaj pacigi la reĝejon. En la Mahabarato, Puntadewa estas la unua filo de Pandu Dewanata kaj Dewi Kunti kaj li naskiĝis el la supra frunto kaj pro tio li nomiĝas *Puntadewa,* kiu signifas la centro de nobleco. En la Java Vajanga tradicio, Puntadewa estas konata kiel Yudistira. Lia edzino estas Dewi Drupadi kaj havas filon, Pancawala. Yudistira esta pacienca, sincera, devota al la dioj, pia, kaj ĉiam kondutas bone, honeste, kaj juste. Li estas la avataro de Batara Darma, la diiĉo de justeco. Pro tio li havas la titolon Prabu Darmakusuma. Post la milito de Baratayuda, Yudistira reĝas super Astinapura. Post la filo de Abimanyu, Parikesit, estis plenkreska kaj fariĝis reĝo, Prabu Puntadewa tuj foriris de la homa mondo. Li grimpis la Himalajon, trapasis multe da provoj, kaj finfine sukcesis eniri la ĉielon Swargaloka kun sia korpo.

BIMA / BRATASENA



Raden Bratasena estas la dua filo de Pandu. Kiam li estas plenkreskulo, li nomiĝas Wrekudara kaj li reĝas

super Jodipati kvankam li estas kŝatrio. Bratasena neniam parolas ĝentile al iu ajn, krom Dewa Ruci. Bratasena edziĝis kun:

1. Dewi Nagagini, la filino de Antaboga de Sapta Pratala. Ŝi havas filon, Antareja.
2. Dewi Arimbi, la filino de Prabu Arimba, la reĝo de Pringgadani. Ŝi havas filon, Raden Gatotkaca.
3. Dewi Urang Ayu, la filino de Batara Mintuna de la maro. Ŝi havas filon, Antasena.

Wrekudara posedas ĉi tiujn magiajn povojn kaj armilojn:

1. *Aji Bandung Bandawasa* (grandega forto)
2. *Aji Katuglindu* (li povas paŝi kiel la vento)
3. *Cada Rujak Polo* (kion li batas per ĝi, tio detruiĝas)
4. *Kuku Pancanaka* (ungo sepoble pli akra ol razilo)

Wrekudara ĉiam konservas la respekton de la Pandavoj. Li estas kiel ilia gardanto kaj havas la principon ke se unu mortus, ĉiuj mortus kaj se unu estus feliĉa, ĉiuj estus feliĉaj. Li mortis atingante mokŝon (liberon el la sufero de la enkarniĝa ciklo). Post la milito de Batarayudha, li mortis dum sia vojaĝo al Swargaloka kun siaj fratoj.

Arjuna estas filo de Pandu Dewanata, la reĝo de Astinapura, kaj Dewi Kunti, la filino de Prabu Basudewa, la reĝo de Mandura. Arjuna edziĝis kun:

1. Dewi Sembadra. Ŝi havas filon, Abimanyu.
2. Dewi Larasati. Ŝi havas filon, Sumitra.
3. Dewi Srikandi.
4. Dewi Ulupi. Ŝi havas filon, Irawan.
5. Dewi Dresanala. Ŝi havas filon, Wisanggeni.
6. Dewi Jimambang. Ŝi havas filojn, Kumaladewa kaj Kumalasekti.
7. Dewi Wilutama. Ŝi havas filon, Wilugangga.
8. Endang Manuhara. Ŝi havas du filinojn, Dewi Pergiwa kaj Pergiwati.

Arjuna havas du montrofingrojn sur sia dekstra mano. Unu devenas el la reĝo de Paranggelung, Prabu Palgunadi. Iam li estis petita de Dahnyang Durna demeti ringon de sia montrofingro. Li tranĉis sian fingron kaj ĝi fiksiĝis sur la manon de Arjuna. Arjuna estas kŝatrio. Dum la milito de Baratayudha, neniu povis venki lin. Tial li estis konata kiel *Lananging Jagad*, la viro de la mondo, heroo sen egalulo, supera ol ĉiuj siaj malamikoj, forta kŝatrio, kaj majstro de ĉiuj magioj.

Liaj armiloj estas:

1. *Keris* (ponardo) de Kyai Kalanadah
2. Sago de Pasopati
3. Sago de Hrudadali / Ardadadali
4. Sago de Sengkali
5. Sago de Cundamanik
6. Sago de Candranila
7. Sago de Bramastra
8. Trumpeto de Dewadata
9. *Keris* de Pulanggeni
10. *Keris* de Sarotama

Nakula estas unu el la Pandavoj, la kvara filo de Pandu kaj Dewi Madrim, fratino de Prabu Salya, la reĝo de Mandraka / Mandaraka. Kiam li estis infano, Nakula estis konata kiel Pinten. Li estas avataro de Batara Aswin, la diiĉo de kuracistoj. Li edziĝis kun:

1. Dewi Suyati, la filino de Prabu Krida, la reĝo de Awu-awu Langit. Ŝi havas du idojn: Pramusinta kaj Pramuwati
2. Dewi Srengganawati. Ŝi havas filinon, Dewi Sri Tanjung.

En la Mahabarato, Sadewa estas konata kiel Sahadewa. Li ankaŭ estas avataro de Batara Aswin, la diiĉo de kuracistoj. Denaske li kaj Nakula estis zorgataj de Dewi Kunti. Sadewa scias bone la mistikan arton. Kiam li edziĝis, li povis priskribi la ĝustajn virojn kaj virinojn (*sejatining lanang, sejatining wadon*), kio estis devigita por edziĝi. La edzino de Sadewa estas Dewi Srenggini, filino de Prabu Badawangan Nala de la ĉielo Gisiksamudra. Li havas filon, kiu nomiĝas Widapaksa / Sidapaksa. Sadewa posedas *Aji Purnamajati,* la povon kompreni kaj memori ĉiujn okazaĵojn. Nakula posedas *Aji Pranawajati,* la povon ne forgesi ĉiujn pasintajn okazaĵojn.

Kiam ŝi estis infano, ŝi estis konata kiel Rara lreng, Ŝi estas la filino de Basudewa, la reĝo de Mandura. Kiam ŝi estas plenkreskulo, ŝi estas konata kiel Wara Sembadra. Pro sia belo, ŝi fariĝis ekstra anĝelo de la ĉielo. Dewi Wara Sembadra estas edzino de Arjuna kaj havas filon, Angkawijaya, kiu estas la praulo de Parikesit, la sekvonta reĝo de Astinapura. Dewi Wara Sembadra havas *jaitan*-ajn (maldikajn) okulojn, pikan nazon, trankvilan vizaĝon, kaj harojn aranĝitajn je *sanggul*.

DEWI WARA SRIKANDI



Dewi Wara Srikandi estas la filino de Prabu Durpada, reĝo de Campalareja. Ŝi edziniĝis kun Arjuna, filo de Prabu Pandu Dewanata, la reĝo de Astinapura. Dun la milito de Baratayuda, Srikandi estis nomumita kiel komandoro de Kurawa por batali kontraŭ Resi Bisma. Srikandi estas oficiro, kiu ĉiam konservas la respekton de sia edzo dum milito kaj paca tempo. Post la milito, Srikandi estis mortigita de Aswatama, la filo de Pandita Duma. Tion Aswatama faris por venĝi sian mortintan patron. Ĉi tio estas rakontita en "Lahirnya Parikesit". Pro la mortigo de Srikandi, Bima (Wrekudara) mortigis Aswatama venĝante ŝin. Dewi Srikandi havas *jaitan*-ajn (maldikajn) okulojn, pintan nazon, kaj vizaĝon rigardantan superen, la kapornamon *jamang* kun *garuda* (mita birdo) rigardanta malantaŭen, iom da malfiksaj haroj, kaj kolieron, kiu aspektas kiel lunarko.

SASI UDYA MUSTIKA



Sasi Udya Mustika estas la filino de Prabu Bumiloka, la reĝo de Maimantaka. Iam ŝi ŝanĝis sian formon al Raden Gatotkaca volis akiri la heredaĵon de Amarta, *Surat Kalimasada*. Sed, pro sia atento, Dewi Srikandi rimarkis ŝian ruzon. Srikandi petis al Priyambada, filo de Arjuna, repreni ĝin. Priyambada batalis kontraŭ Sasi Udya Mustika kaj Priyambada venkis. Sasi Udya Mustika fine edziniĝis kun Priyambada. Dewi Sasi Udya Mustika havas *jaitan*-ajn (maldikajn) okulojn, pintan nazon, kaj vizaĝon rigardantan superen, kaj malfiksajn harojn. Ŝi surhavas la kapornamon *jamang*, braceleton, la brakornamon *pontoh,* kaj la tukon de *dodot putri*.

RADEN ANTAREJA



Antareja estas la unua filo de Bima kaj nepo de Pandu Dewanata, la reĝo de Astinapura. Li patrino estas Dewi Nagagini, la filino de Hyang Anantaboga de la ĉielo Saptapratala. Antareja edziĝis kun Dewi Ganggi, la filino de Prabu Gangga Pranawa, la draka reĝo de Tawing Narmada. Ili havas filon, Arya Danurwenda. Li ne partoprenis en la dua parto de la milito de Baratayuda. Li mortis ĵus antaŭ tiam. Tio estas rakontita en "Pandawa Tawur". Baratayuda estas granda milito inter la posteuloj de Kuru (la Kuravoj) kaj de Pandu (la Pandavoj) pro la reĝejo de Astinapura. Ili povus havi avantaĝon se ili okazigus altnivelan oferadan ceremonion (*tawur*), ekzemple per oferi la vivon de familiano. Tial, Antareja proponis oferi sin mem pro la sukceso de la Pandavoj. Ĉar neniu armilo povas vundi lin, Antareja mortigis sin per leki sian piedmarkon. Pro Antareja, la milito de Baratayuda estis venkita de la Pandavoj. Kompense, la filo de Antareja estis nomumita kiel la ĉefministro de Astinapura dum la reĝado Prabu Parikesit.

Gatutkaca estas la dua filo de Raden Bima kaj Dewi Arimbi de Pringgadani. En la Jogjakarta vajanga teatro, Gatutkaca estas konata kiel Kacanegara, kiu signifas la ekzemplon por la nacio. Li havas tri edzinojn:

1. Dewi Sumpaniwati, kiu havas filon, Arya Sumpena
2. Dewi Pregiwa, kiu havas filon, Raden Sasikirana
3. Dewi Suryawati, kiu havas filon, Raden Suryakaca

Gatutkaca estas kuraĝa, havanta firman principon, lerta, inteleĝenta, alerta, kapabla soldati, kaj posedas magiajn povojn. Li fidale servas siajn landon kaj gepatrojn. Dum la milito de Baratayuda, Gatutkaca estis mortigita de Karna, la reĝo de Awangga, per la armilo *Kunta*.

Jaka Tawang estas la plej juna filo de Werkudara kaj Dewi Urang Ayu, kiu devenas el reĝejo en la fundo de la maro. Denaske li loĝas kun siaj avo kaj patrino en Kisiknarmada (la estuaro de la rivero Gango kaj la rivero Serayu). Jaka Tawang estas honesta, sincera, modesta, kaj li neniam mensogas. Lia korpo estas tute kovrata de skvamoj kaj ne vundebla per armiloj. Li havas magian barbon, kiu povas mortigi homojn, aŭ revivigi homojn, kiuj mortis antaŭ siaj tempoj. Li ankaŭ ne povas mortiĝi, kiam li ankoraŭ tuŝas la teron kaj vaporon de akvo. Li mortis atingante mokŝon (liberon el la sufero de la enkarniĝa ciklo) antaŭ la milito de Baratayuda komenciĝis.

Angkawijaya estas la filo de Arjuna kaj Dewi Sembadra. Angkawijaya edziĝis kun Dewi Siti Sendari (la filino de Sri Kresna) kaj Dewi Utari (la filino de Prabu Matswapati). Dum la milito de Baratayuda, Angkawijaya estis generalo. Li ekstermis multajn soldatojn de la Kuravoj. Sed, la atako de Angkawijaya estis kontraŭita de la Kuravoj per malfermi la antaŭan linion de batalantoj. Angkawijaya eniras tra la malfermaĵo kaj estis tuj kaptita. Tiam la Kuravoj pavis multegajn sagojn al li. La sagoj pluvis sur lin kaj lia korpo estis tute kovrita de ili. Antaŭ sia morto, li mortigis Lesmana Mandrakumara, la princo de Astinapura. Vidinte ke Lesmana mortis, Jayadrata tuj rajdis sur sia elefanto al Angkawijaya kaj kolere batis lian kapon per la klabo de *Gelinggang* ĝis li mortis. Angkawijaya havas filon, Parikesit, kiu iam estos la reĝo de Astinapura post la Pandavoj. Angkawijaya estas ĝentila, bonkonduta, agrabla, kaj brava.

Duryudana estas la filo de Prabu Destarastra kaj Dewi Gendari. La edzino de Duryudana estas Dewi Banuwati, la filino de Prabu Salya, la reĝo de Mandaraka. Ili havas du idojn: Lesmana Mandrakumara kaj Dewi Lesmanawati. Akhir riwayat Duryudana diceritakan sebagai berikut ; Multefoje la Pandavoj petis lin redoni la reĝejon Astinapura al si, sed Duryudana malkonsentis. Pro lia aroganteco, okazis la granda milito de Baratayuda. En la fina parto de la milito, Duryudana batalis kontraŭ Werkudara (Bima) kaj li estis mortigita batite per la klabo de Wrekudara ĝis lia korpo estis detruita. Pro la morto de Duryudana, la Pandavoj venkis la militon de Baratayuda kaj Astinapura reapartenas al ili. Prabu Duryudana havas *telengan*-ajn (strabajn) okulojn, *dempak*-an nazon, trinivelan *jamang* kapornamon kun *garuda* (mita birdo) rigardanta malantaŭen, la ornamon *praba,* kolieron, braceletojn, la brakornamon *pontoh,* kaj la reĝan tukon *bokongan*.

Dursasana estas la pli juna frato de Prabu Duryudana, kiu loĝas en la kŝatriejo Banjarjungut. Dursasana estas tre amata de Destrarastra kaj siaj fratoj. Li ŝatas laŭdon kaj li kondukas laŭ sia volo sen homoj, kiuj estas kuraĝaj kontraŭi lin. Dursasana surhavas maskforman kronon, la kapornamon *jamang* kun *garuda* (mita birdo) rigardanta malantaŭen, la florojn de *kluwih,* braceletojn, la brakornamon *pontoh,* kaj plenan reĝan veston. Dursasana mortis dum la kvina parto de la milito de Baratayuda. Lia kapo estis rompita frapite de la klabo de *Rujakpolo*. Dursasana havas blankajn *telengan*-ajn (strabajn) okulojn, *dempak*-an nazon, *gusen*-an (kun videbla gingivo) buŝon, kaj grandan altan korpon.

PATIH ARYA SAKUNI



Sakuni estis la ĉefministro de Astinapura, kiam Drestarasta reĝis super ĝi. Sakuni estas lerta ne nur je registaro, sed ankaŭ je  milita strategio. En la Mahabarato, Sakuni estas la reĝo de Gandaradesa kaj li havas la titolon Prabu Gandara. Sakuni havas edzinon, kiu nomiĝas Dewi Sukesti, kaj filon, kiu nomiĝas Surasekti. Sia buŝo rompite, Sakuni estis mortigita de Wrekudara dum la milito de Baratayuda. Sakuni havas *kedondongan*-ajn (aspektantajn kiel la semoj de *Spondias dulcis*) okulojn, *gusen*-an (kun videbla gingivo) buŝon, malsamformajn manojn (unu estas giganta kaj la alia estas kiel la mano de komikulo), braceletojn, kaj turbanon aŭ *udheng-udhengan*.

Durna estis konata kiel Kumbayana, kiam li estis infano. Li estas la filo de Baratmaja de la reĝejo de Atas Angin trans la maro. En la Mahabarato, li nomiĝas Durna. Li estas aroganta, kruela, parolema, intelegenta, kaj li posedas fortan magian povon. En Astinapura, Durna estas la ĉefkonsilisto de Prabu Duryudana, aŭguristo, kaj la instruisto de la Kuravoj kaj Pandavoj. Dum la milito de Baratayuda, Duma estis mortigita de Raden Trestajumena, la filo de Prabu Durpada. Durna havas *kriyepan*-ajn (papelbrumantajn) okulojn, *gusen*-an (kun videbla gingivo) buŝon, kaj sulkan mentonon (kiu signifas ke li estas maljuna), kaj barbon. Li surhavas la tukon *rapekan* de pastro kaj ĉiam ŝuojn. Li ĉiam kunportas preĝperlojn.

Karna estis konata kiel Raden Suryaputra, kiam li estis infano. Li estas la filo de Dewi Kunti, kiu naskis lin mirakle. Pro la magia povo de Resi Druasa, li naskiĝis el la orelo. Tial li nomiĝas Karna, kiu signifas orelon. Kiam li estis bebo, li estis forĵetita al rivero kaj poste estis trovita de Prabu Radea, la reĝo de Petapralaya. Kiam li estas plenkreskulo, Karna fariĝis la reĝo de Awangga la generalo de Astinapura. Li edziĝis kun Dewi Surtikanti, la filino de Prabu Salya, la reĝo de Mandaraka. Ili havas du filojn: Raden Warsasena kaj Raden Warsakusuma. Dum la milito de Baratayuda, Karna batalis kontraŭ Arjuna kak fine estis mortigita de li per *Pasopati,* li magia armilo de Arjuna. Li mortis honore defendante sian landon fidele. Adipati Karna havas *jaitan*-ajn (maldikajn) okulojn, pintan nazon, vizaĝon rigardantan superen, *ketopong*-forman kronon, trinivelan *jamang* kapornamon kun *garuda* (mita birdo) rigardanta malantaŭen, la florojn de *kluwih,* la ornamon *praba*, braceletojn, la brakornamon *pontoh,* kaj la tukon *bokongan raton*.

## ARYA TIRTANATA / JAYADRATA



Arya Tirtanata estis kreita de la placento de Bima. Tiam en la monaĥejo Kalingga/Buwana Keling, Bagawan Sapwani tre zorgas pri reĝejo Sindu ĉar la antaŭa reĝo, Prabu Sinduraja, mortis sen posteulo.

Pro tio, Sapwani, kiu estas la konsilisto de la reĝejo, sentas sin respondeca por serĉi la sekvontan reĝon. Bagawan Sapwani meditis kaj tiam li vidis placenton flosantan al li. Li prenis ĝin kaj faris bebon el ĝi. Tiun bebon li portis al la monaĥejo Kalingga. Tie, Resi Sapwani nomis la bebon kiel Bambang Samodera, sed Nyai Sapwani nomis lin kiel Arya Tirtanata, kiu signifas vivon el viva akvo. Kiam li estas plenkreskulo, Arya Tirtanata estis portita al Sindu. Laŭ la diskuto inter Resi Sapwani kaj Patih Jayadrata (la ĉefministro de Sindu), fine Arya Tirtanata estis kronita kiel la reĝo de Sindu kun la titolo Prabu Sindu. Resi Sapwani konsilis al li studi sub Prabu Pandu en Astinapura. Por kovri la embarason, ke la reĝo estis ankoraŭ studento, lia nomo estis interŝanĝita kun Patih Jayadrata. Arya Tirtanata fariĝis Arya Jayadrata kaj Patih Jayadrata fariĝis Patih Tirtanata. Arĵa Jayadrata edziĝis kun Dewi Dursilawati, la filino de Prabu Destrarasta de la Kurava familio. Ili havas du filojn: Arya Wiruta kaj Arya Surata. Arya Surata poste fariĝos la reĝo de Sidu Kalangan, kiam Prabu Parikesit (posteulo de la Pandavoj) reĝos super Astinapura.

Komence li nomiĝis Kakrasana, sed post li fariĝis la bofilo de Prabu Salya, la reĝo de Mandaraka, li estis kronita kun la titolo Prabu Baladewa. Tiu nomo devenas el lia edziĝa ceremonio kiam la dioj de la ĉielo venis kaj donis al li la titolojn Kusuma Walakita, Balarama, kaj Basukiyana. Post li fariĝis reĝo, li subtenis la Kuravojn kaj Prabu Duryudana. Laŭ sia familia rilato, Baladewa devas subteni la Pandavojn ĉar li estas ilia kuzeno. Sed li edziĝis kun Dewi Erawati, la pli maljuna fratino de Dewi Banuwati, kiu estas la edzino de Prabu Duryudana. Pro tio li batalis por Astinapura. Prabu Baladewa havas *kedondongan*-ajn (aspektantajn kiel la semoj de *Spondias dulcis*) okulojn, *sembada*-an nazon, kronon, kapornamon *jamang* trinivelan kun *garuda* (mita birdo) rigardanta malantaŭen, braceletojn, la brakornamon *pontoh,* kaj la armilon *Nanggala*.

Raden Narasoma estas la filo de Prabu Mandrapati kaj la princo de Mandaraka. Poste li estis kronita kun la titolo Prabu Salya. Li reĝas kun Dewi Pujawati, la filino de Begawan Bagaspati de la monaĥejo Argabelah. Ili havas kvin idojn:

1. Dewi Erawati (la edzino de Prabu Baladewa, la reĝo de Mandura)
2. Dewi Surtikanti (la edzino de Adipati Karna, la reĝo de Awangga)
3. Dewi Banuwati (la edzino de Prabu Duryudana, la reĝo de Astinapura)
4. Raden Burisrawa (ankaŭ konata kiel Satria Cindekembang)
5. Raden Rukmarata

Dum la milito de Baratayuda, Prabu Salya estis nomumita kiel la granda generalo de Astinapura. Li batalis kontraŭ Prabu Darmakusuma (Puntadewa). Prabu Salya mortis batale kaj la talismano *Aji Candabira,* kiu estis donita al li de Begawan Bagaspati, finfine estis detruita de Prabu Puntadewa.

Laŭ la Mahabarato, Burisrawa estas la filo de Prabu Bahlika. Sed, laŭ la vajanga tradicio de Banjar kaj Javo, Burisrawa estas la filo de Prabu Salya. Burisrawa havas la vizaĝon de forta gigant. Li estas aroganta, kondutas nur laŭ sia volo, estas venĝema, kaj estas egoisto. Dum la milito de Baratayuda, Burisrawa subtenis la Kuravojn kaj li estis mortigita de Setyaki en batalo.

Rukmarata estas la filo de Prabu Salya, la reĝo de Mandaraka, kaj Dewi Setyawati, la filino de Begawan Bagaspati. Rukmarata estas la plej juna frato el kvin gefratoj:

1. Dewi Erawati,
2. Dewi Banowati,
3. Dewi Surtikanti,
4. Arya Burisrawa, kaj
5. Rukmarata.

Rukmarata estis mortigita de Resi Seta en la komenco de la milito de Baratayuda. Tiam li staris ekster la limoj de batalo, sed li pafis sagon al Resi Seta. Sciinte ke Rukmarata faris tion, Resi Seta trapasis la armeon de la Kuravoj kaj proksimiĝis al Rukmarata, kiu sidis sur kaleŝo. Resi Seta batis lian kaleŝon per la klabo de Kyai Pecatnyawa. La kaleŝo estis tute detruita kaj Rukmarata mortis kun siaj ĉevaloj kaj ŝoforo.

Prabu Kusuma Dalwih estas konata kiel Prabu Jungkungmardea en la Java vajanga teatro. Li estas la reĝo de Salimpang Kuning Pajar Tiga Gurdasarsaran. Ĉar li estas bela maj magipova, lia deziro por edziĝi kun Dewi Srikandi de Cempala estis konsentita de Prabu Durpada. Sed, Dewi Srikandi malkonsentis kaj petis al Arjuna helpi. Tial okazis batalo inter Arjuna kaj Martadinulaga. Dum tiu batalo, Prabu Kusuma Dalwih mortis kaj Dewi Srikandi edziniĝis kun Arjuna. Prabu Kusuma Dalwih havas *jaitan*-ajn (maldikajn) okulojn, pintan nazon, trankvilan vizaĝon, la kapornamon *jamang* trinivelan kun *garuda* (mita birdo) rigardanta malantaŭen, la florojn de *kluwih,* kai la tukon *bokongan raton*.

lndrajit estas la princo de Alengka. Li estas la filo de Prabu Rahwana kaj la diino Dewi Tari, la filino de Batara Indra. lndrajit estas la plej ŝatata filo de Rahwana kaj li ofte estas sendita de sia patro por konkeri la aliajn landojn. lndrajit estas tre konata pro siaj magia povo kaj krueleco. Li havas magiajn heredaĵojn, kiel *Nagapasa*, *Senjata Rante*, kaj *Aji Sirep*. Dum la batalo pro Dewi Sinta, lndrajit estis mortigita de Laksamana per lia magia sago, *Surawijaya*.

BAMBANG RASIAN DEWA IKATAN



Ĉi tiu vajanga fikciulo ne estas oficiala. Tial la *dalang* (vajangpupistoj) de Banjar konsideras lin kiel *wayang bangbangan/bambangan*, kiu povas havi ajnan nomon laŭ la volo de la *dalang*. Bambang Rasian Dewa lkatan reĝas super Tersila Amparan. Por signifi ke li estas transmara reĝo, li surhavas la kapornamon *jamang* kun granda *garuda* (mita birdo) rigardanta malantaŭen, la brakornamon *pontoh,* kaj braceletojn.

PATIH RANGSIAN DEWA



Ĉi tiu vajango ankaŭ ne havas fiksan rolon kaj povas esti uzata laŭ la volo de la *dalang* (vajangpupisto). Li estas la reĝa *pengharapan,* kiu transdiras la ordonon de la reĝo al la aliaj oficistoj. Por signifi ke li devenas el trans la maro, li havas *gimbal*-ajn harojn (feltharojn), la kapornamon *jamang* kun granda *garuda* (mita birdo) rigardanta malantaŭen, la florojn de *kluwih,* la brakornamon *pontoh,* kaj braceletojn.

PRABU MANDALA / RAJA ANGGUT



Prabu Mandala estas la reĝo de Awu-awu Langit kaj la studento de Dahyang Suwela, *pandita* aŭ sanktulo de la monaĥejo Sidara. Prabu Mandala havas blankajn *telengan*-ajn (strabajn) okulojn, *dempak*-an nazon, kaj *gusen*-an (kun videbla gingivo) buĉon. Li surhavas la kapornamon *jamang* trinivelan kun *garuda* (mita birdo) rigardanta malantaŭen, braceletojn, la brakornamon *pontoh,* kaj reĝan veston. Li estas neoficiala kaj transmara fikciulo kaj povas roli kiel la reĝo de mil reĝejoj.

Prabu Jayamurcita estas la reĝo de Plangkawati. Tiu reĝejo estis atakita de Abimayu, filo de Arjuna. Prabu Jayamurcita ne povis defendi sin. Jayamurcita kapitulacis al Abimayu kaj donis la tutan reĝejon al li.

ARYA GIBANG



Arya Gibang estas bela transmara reĝo. Lia karaktero ne estas fiksa ĉar liaj nomo kaj reĝejo povas esti ŝanĝitaj laŭ la rakonto de la *dalang* (vajangpupisto). En la vajanga teatro de Banjar, Arya Gibang devenas el la reĝejo Tatak Salaka Rotan Sagalung kaj li estas malamiko de Amarta aŭ la Pandavoj. Arya Gibang havas pintan nazon, trankvilan vizaĝon, harojn aranĝitajn je *sanggul,* lunarkan kolieron, la brakornamon *pontoh,* kaj la tukon *bokongan*.

Wayang Bangbangan estas kŝatrio, kiu devenas el monto. Li estas bela, kiel kavaliro. En vajanga teatro, ĉi tiu fikciulo estas uzata kiel iu maskita. Liaj konduto kaj magiaj povoj ne estas tre malsamaj ol tioj de la kŝatrioj de la centra parto de la reĝejo.

REFERENCOJ

Libroj

1. Atot Rosana & Poniran Sumarno. 1993. *Pengetahuan Pedalangan I,* 'Scio pri Vajanga Teatro'. Direkcio de Faka Mezlernejo, Projekto de Kopiado de Fakaj Mezlernejaj Libroj.
2. Badri Yatim. 1994. *Sejarah Peradaban Islam,* 'La Historio de Islama Civilizacio'. Ĝakarto: PT Grafindo Persada.
3. ldwar Saleh. 1983/1984. *Sekitar Mengenal Daerah Banjar dan Kebudayaan Sungainya Sampai Dengan Akhir Abad XX,* 'Koni la Regionon de Banjar kaj Sian Riveran Kulturon ĝis la Fino de la Du Deka Jarcento'. Instruada Projekto de Muzeoj en Suda Borneo, Banjarmasin.
4. I Gusti Ketut Gde Arsana. 1993. *Wayang Dalam Kehidupan Bali Prespektif, Pendidikan dan Nilai Kemanusiaan,* 'Vajango en la Balia Vivo, Perspektivo, Instruado, kaj Humana Principo'. Nacia Disertaĵo de Sarasehan pri Leda Vajango, Denpasar.
5. Sri Hastatnto. 1983. *Wayang Kulit pada Pekan Budaya IX,* 'Leda Vajango en la Naŭa Kultura

Semajno'. Nacia Disertaĵo de Sarasehan dum la Naŭa Kultura Semajno, Ĝakarta.
6. Syarifuddin R. 1999 (1a de Majo). *Tabloid Wanyi, Edisi 3, Tahun I,* 'La Gazeto de *Wanyi,* Tria Eldono, Unua Jaro'.
7. Tjilik Riwut. 1993. *Kalimantan Membangun Alam dan Kebudayaan,* 'Borneo Disvolvas la Naturon kaj Kulturon'. Jogjakarto: PT. Tiara Wacana.

Kleruloj

1. Dimansyah (49 jaraĝa), *dalang* (vajangpupisto) de suda Labuhan Amas, HST.
2. H. Utuh Aini (60 jaraĝa), *dalang* (vajangpupisto) de Banjarmasin.
3. Sarbai (51 jaraĝa), kultura esploristo de Barikin, Haruyan, HST.

